# Esperantista Vegetarano
# 1997

Organo de TUTMONDA ESPERANTISTA VEGETARANA ASOCIO (TEVA)
Movado fondita en 1908 - Unua Honora Prezidanto L. N. Tolstoj -
Membro de IVU kaj kunlaboranta kun UEA

## Enhavo



**Redaktoroj:** William Simcock, Ejnar Hjorth, Mark Steinberg, Lilia Fabretto
**Adreso :** TEVA - C.P. 5050 - IT-00153 Roma, Italia

*Kovrilo: najtingalo beknutras siajn idojn*

## Karaj gesamideanoj,

fruktodona estis la jaro 1996. Kunveno de TEVA en Prago, kadre de UK, estis ĝojiga renkontiĝo: ĉeestis Prezidanto s-ro Christopher Fettes, Vicprezidanto s-ro William Simcock, Ĝenerala Sekretario Lilia Fabretto, kaj 70 gesamideanoj. El la Estraro, nur s-ro William Parrott ne povis ĉeesti, kaj li sendis korajn bondezirojn al ĉiuj kunvenantoj (vidu LETERO-n de E/V n-ro 12/96). Statuto aktualigita estis aprobita, kaj novaj samideanoj akceptis kunlabori kaj daŭrigi nian laboron en paca unueco. Bonajn novaĵojn ni ricevis el TEVA-anoj pri aktivaj vegetaranaj centroj, novaj restoracioj kaj vendejoj de produktoj nature kultivataj. Bonvolu sendi al ni detalojn kaj fotojn pri viaj agadoj por disvastigado de niaj ideoj, utilaj ankaŭ al aliaj samideanoj.

Multo estas por fari nun precipe pri gene modifitaj nutro-produktoj. Kontakt-adresojn vi trovos sur la paĝo 10-a por loka agado.

Konscio pri danĝero manĝi bestojn pligrandiĝis lastatempe okaze de Bova Spongoforma Encefalopatio. Amaskomunikiloj laŭte parolis pri tio, kaj vegetarana centro en *Internet* ricevis dum unu monato 44.000 alvokojn, kiuj petis informojn pri vegetarismo.

Du gravaj okazintaĵoj donis al ni bonajn rezultojn kaj tre interesajn kontaktojn: Monda Pinto-Konferenco pri Nutraĵoj, kaj Internacia Lingva kaj Kultura Ekspozicio, kiuj okazis en Romo, Italio. Pri tio vi trovos detalojn en tiu ĉi kajero.

Esperanto bezonas helpon. Amaskomunikiloj ne dediĉas multe da spaco al nia lingvo. Se ni mem ne uzas praktike nian lingvon pli bone kaj konstante ĉiuokaze kaj en ĉiuj kampoj t.e. kultura, profesia, turisma, komerca, ktp., kiamaniere homoj vidos ke ĝi funkcias?

Kunveno de TEVA ĉijare okazas en Adelajdo, Aŭstralio, kaj en 1998 ĝi okazos en Montpeliero, Francio.

**Ĉiam antaŭen!**

# *LA PROBLEMO DE MALSATO EN LA MONDO*

**Ĉu nutrado aŭ manĝovaro?**

En 1974 Nutraĵa kaj Agrikultura Organizaĵo (*Food and Agriculture Organization - FAO*) de Unuiĝintaj Nacioj devontigis sin forigi malsaton en la mondo dum dek jaroj. Post dudek du jaroj, Monda Pinto-Konferenco de *FAO*, kiu okazis en Novembro 1996 en Romo, Italio, a) frontis la fakton ke nombro da personoj, kiuj estas daŭre subnutritaj, kreskis de 450 milionoj al 800 milionoj, b) deklaris ke la celo estas duonigi la aktualan ciferon ĝis la jaro 2015, c) klopodos ĉirkaŭbari tiun ciferon ĝis 2010. Kaj tiuj celoj ŝajnas tre modestaj.

Deklaro kaj Agad-plano de *FAO* restas ŝlosita en malnova analizo de malsato, kiel problemo de malalta produktado, kaj ĝi akcelas intensiĝon, pli grandan liberecon por transnaciaj firmaoj *(TNCs)*, kaj senreguligon de internacia nutraĵ-merkato: kiuj, fakte, krom ekstera ŝuldo, subevoluado kaj maljusta distribuo de riĉaĵoj kaj rimedoj, estas la veraj kaŭzoj pro monda malsato.

**Homa Rajto al Nutraĵo**

Neregistaraj Organizaĵoj (*Non-Governmental Organizations - NGOs*), vokitaj de *FAO* por kunlabori dum prepara konsiliĝa kunsido, petis ke grava postulo kaj devontigo el la Konferenco estu **homa rajto al nutraĵo**. Pri tio estis ĝenerala konsento inter registaroj kaj *NGOs*, escepte de la Usona delegacio. Malgraŭ la sugestoj de *NGOs*, la dokumentoj de *FAO* ne mencias nutraĵ-garantion kiel homan rajton, sed nur kiel ion atingotan aŭ efektivigotan. La temoj pri nutraĵ-garantio kaj homaj rajtoj ludas tre oftan rolon en la teksto de la Deklaro kaj Agad-plano sed, apartaj kaj disigitaj unu de la alia, ili ne alligiĝas en aganta koncepto pri nutraĵ-garantio **kiel** homa rajto.

**Deklaro kaj Agad-plano**

Sur la unua paĝo de la Deklaro oni legas "... *Increased food production, including staple food, must be undertaken...*", t.e.: manĝ-produktado, inkluzive de bazaj manĝaĵoj, devas esti pli-grandigata. La Agad-Plano finas per la jena 12-a artikolo: "*12. The implementation of the recommendations contained in this Plan of Action is the sovereign right and responsibility of each State through national laws and the formulation of strategies, policies, programmes, and development priorities, in conformity with all human rights and fundamental freedoms, including the right to development, and the significance of and the full respect for various religious and ethical values, cultural background and philosophical convictions of individuals and their communities should contribute to the full enjoyment by all of their human rights in order to achieve the objective of food security for all*". Tio estas: Efektivigo de rekomendoj en tiu ĉi Agad-Plano estas suverena rajto kaj respondeco de ĉiu ŝtato per naciaj leĝoj, kaj formulado de strategioj, politikoj, programoj kaj evolu-prioritatoj, konforme al ĉiuj homaj rajtoj kaj fundamentaj liberecoj, inkluzive de rajto je disvolvado, kaj de signifo de/kaj plena respekto al malsimilaj religiaj kaj etikaj valoroj, kulturaj fonoj kaj filozofiaj konvinkoj de individuoj kaj iliaj komunumoj, devus kontribui al plena ĝuado de ĉiuj pri siaj homaj rajtoj por atingi la celon de nutraĵ-garantio por ĉiuj.

**Verda Revolucio kaj "Gena" Revolucio**

Verda Revolucio (*Green Revolution*) ne sukcesis, kiam antaŭ 30/40 jaroj terkultivistoj estis instigataj uzi hibridajn semojn, kemiajn fekundaĵojn kaj insektovenenojn por plibonigi produktadon kaj nutri pli da homoj.

En 1990 komenciĝis "Gena" Revolucio, kaj terkultivistoj estas petataj uzi semojn gene modifitajn. Malgraŭ maltrankviliĝo kaj zorgo de terkultivistoj kaj konsumantoj, transnaciaj kompanioj kun ŝtata subteno estas premantaj registarojn por ricevi permeson uzi tiujn produktojn en iliaj landoj. Mediaj kaj etikaj

kontraŭargumentoj estas forbalaataj kiel protektismaj kaj kontraŭ la libera merkato.

## For pli justa distribuo de nutrado

Laŭ publikaĵo Nutro-Garantio kaj Rajto sin Nutri (*Food Security and the Right to Feed Oneself*) de Reto NutroUnue-Informo kaj Ago (*FoodFirst Information and Action Network - FIAN*), alvokoj por ŝanĝoj pri nutraj kutimoj eĥas de sudaj al nordaj landoj, rilate al monda nutro-garantio. Ekscesa viand-konsumado en okcidenta Eŭropo kaj norda Ameriko kreas en tiuj landoj ekscesan bezonon je tritiko. Laŭ *FAO*, 640 milionoj da tunoj da tritiko estas uzataj jare por grasigi bestojn. Se nur tria parto el tiu kvanto estus disponebla por homa konsumo - asertas *FAO* - monda dispono por ĉiu persono tage pligrandiĝus de 2700 kalorioj al 3000 kalorioj. Fakto estas ke la tuta areo de paŝtaĵo uzata por produktado de viando jam superis ekologiajn limojn, kaj ĝi ne povas pligrandiĝi, se oni volas eviti pliajn mediajn difektojn.

Disvolviĝantaj landoj dependas grandparte de Internacia Mona Fondaĵo (*International Monetary Fund - IMF*), Monda Komerca Organizo (*World Trade Organization - WTO*) kaj Monda Bank (*World Bank - WB*), kaj unuopa nacio ne povas libere agi laŭ propraj politikoj. Ĉiuokaze, sudaj landoj ne kapablas certigi sian nacian nutro-garantion se iliaj ŝuldoj ne estos nuligitaj, kaj liberigo de al ili trudita merkato ne estos tute re-ekzamenata.

## Monda Nutro-Distribuo

Monda nutro-provizo - asertas *FIAN* - devus respondi al monda postulo por nutrado. Tamen tiu postulo ne kongruas kun aktuala nutra bezono de kreskanta monda loĝantaro, ĉar postulo estas ankaŭ determinata de dispona enspezo de individuoj, kaj do el aĉeta povo. Aĉeta povo estas maljuste distribuata ne nur inter landoj, sed ankaŭ je nacia nivelo. Laŭ *FAO*, porĉiupersona dispono de nutrado en sub-Saharaj landoj estas

2100 kalorioj, en Hindio kaj en Bangladeŝo 2200 kalorioj, en okcidenta Eŭropo kaj Norda-Ameriko kompare ĝi estas meznombre po 3500/3600 kalorioj. Tio, kion tiuj meznombraj ciferoj ne montras, estas ke en sudaj landoj pli da homoj havas malpli da kalorioj, dum tiuj, kiuj vivas en nordo, manĝas efektive pli.

Pligrandigi manĝ-produktadon ne solvas la problemon de malsato en la mondo, sed plano por pli ekvilibra kaj justa distribuo de nutrado estas bezonata.

Por pliaj informoj:

- *FoodFirst Information and Action Network (FIAN)*
  *P.O. Box 102243 - DE - 69012 Heidelberg, Germanio, Deutschland*
- *International Federation of Organic Agriculture Movements*
  *p/a Ökozentrum Imsbach - DE - 66636 Tholey - Theley (FRG)*
  *Germanio, Deutschland*
- *World Sustainable Agriculture Association (WSAA)*
  *8554 Melrose Ave-West Hollywood, California 90069 - USA*
- *Pesticide Action Network (PAN)*
  *Afriko: PAN Africa - B.P. 15939, Dakar Fann, Senegal*
  *Azio: PAN Asia and the Pacific - P.O. Box 1170 - 10850 Penang Malaysia*
  *Eŭropo: PAN Europe p/a The Pesticides Trust - Eurolink Business Centre, 49 Effra Road, London, SW2 1BZ U.K.*
  *Nord-Ameriko: PAN North America Regional Center - 116 New Montgomery, n-ro 810, San Francisco, CA 94105 - USA*
  *Sud-Ameriko: RAPALMIRA - Apartado Aèreo 1440, Palmira (Valle), Colombia.*

# LA PLEJ NOVIGANTA EL LA PACAJ REVOLUCIOJ: LA VEGETARISMO

Dum la Pinto-Konferenco pri Malsato en la Mondo (Romo, Italio 13-17 Novembro 1996) ĉe la Nutraĵa kaj Agrikultura Organizaĵo (*Food and Agriculture Organization-FAO*), ni disvastigis informmaterialon pri Esperanto kaj vegetarismo. Al la amikoj de la Ne Registaraj Organizaĵoj (*Non-Governmental Organizations-NGOs*) ni portis la jenan mesaĝon:

En mondo, kiu aspektas pli kaj pli favora al iuj, kaj malfavora al aliaj, regata je rapida kreskado de teknologioj kaj de komunikiloj, estas grave pripensi rapidan solvon por la homaj loĝantaroj, kiu povus malgrandigi aŭ almenaŭ digi la treegajn malsamecojn inter riĉuloj kaj malriĉuloj kun ekstrema konsekvenco: tiu de la absurda morto pro malsato sur la Tero de milionoj da homoj.

Oni asertis en la pasinteco ke praktike ni nutras nin per suna energio modifita. Kiel ajn do povus esti ke tiu ĉi masakro okazis? Kaj ke tiu masakro ankoraŭ nuntempe okazas?

Tiuj, kiuj atentis la nutradproblemon science ekster banalaj ĝeneralaĵoj kaj sekvantaj, sennombraj interesoj, trovis solvon en la ĉisupra nutrado, kiu fakte sin turnas al la fontoj de la energio.

Malkovris ke vegetaĵo estas la vera fonto de asimilebla energio por la homo, filozofoj kiel Pitagoro (*Pitagoras*), Komunumoj kiel tiu de la Esenoj, sciencistoj kiel Njutono (*Newton*), pensistoj kiel Tolstojo (*Tolstoj*), multformaj genioj kiel Leonardo Da Vinĉi (*Vinci*), mistikuloj kiel Franĉesko el Asizo (*Francesco d'Assisi*), ktp., kiuj turnante la propran kulturon al paca celo, formulis hipotezon de estonta homo pli evoluinta, kiu respondas al la nomo de **HOMO-FRATO.**

Sed la nuntempa homo, kiu sin nutras per mortintaj herbovoraj bestoj, el kie li ĉerpas energion, se ne el energio asimilita de la bestoj per vegetaĵoj?

Vegetara nutrado t.e. nutrado direktita al sia vera fonto, kaj ne sangelverŝa, permesus pli justan disdonadon de la nutraj rimedoj en la mondo.

Sufiĉus pripensi ke:

- por produkti sufiĉe da viando por la homo, necesas nenaturan intensigan bestbredadon; por produkti unu solan kilogramon da besta viando necesas amaso da furaĝo: malpli furaĝo por la bestoj = pli manĝaĵo por la homoj;
- nutrado ne bazita sur sango permesas kulturan vidaĵon de ne superregado, sed de paco pli daŭra kaj stabila;
- la principo "Ne Mortigu", kiu troviĝas en diversaj religioj kaj rilatas ne nur pri la mortigo de homoj sed ankaŭ de bestoj, kiel ajn povus permesi mortigi amasojn da homoj kaj bestoj, kaj lasi morti pro malsato milionojn da homoj;
- nutrado sen mortigo kreas homan socian disvolvadon kaj samtempe evoluadon de ĉiuj aliaj vivantaj estaĵoj;
- pluraj kleruloj pruvis ke natura vegetara nutrado povas vivteni multe pli grandan nombron da homoj;
- la malkovroj de scienco kaj teknologio grandege povas helpi solvi la problemon de malsato en la mondo, haltigante la dezertiĝon, la ruiniĝon de la arbaroj; plibonigante la konservadon de la akvoj, valorigante la internajn rimedojn de ĉiuj landoj por satigi la landloĝantojn; sed sen la malkovro de la propra, individua, homa konscienco dormanta, neniu problemo estos pozitive solvata;
- la principo "ĉiam pli kaj pli, je kia ajn kosto" portis naciojn al sociaj malekvilibroj, kiuj poste sin montris treege multekostaj je planeda nivelo.

"*Fiat panis*" (Estu pano) estas la slogano de tiu ĉi Pinto-Konferenco de *NGOs*, kaj ni kredas ke vegetarismo povus helpi solvi la problemon de la malsato en la mondo, laŭŝtupe kaj sen penado. Sufiĉus ke la homoj malkovras la malnovan-**novan** kulturon, liberigante sin el la nuna kultura malriĉeco, kaj tiam okazos la plej granda kaj noviganta el la pacaj revolucioj: la vegetarismo.

**Edoardo Torricella**

La mesaĝo estis legata en la itala lingvo

# NUTRO-PRODUKTOJ GENE MODIFITAJ

**Sojfaboj**

En vendejoj, kaj en via telero, baldaŭ vi trovos gene modifitajn nutro-produktojn, kaj tion vi ne povos eviti, se vi decidos ne agi nun, urĝas Verda Paco (*Greenpeace*). Ordinare en memservaj vendejoj, multaj el la traktitaj nutro-produktoj enhavas sojfabojn. Sojfaboj estas en pano, pastaĵoj, lakto, oleo, margarino, glaciaĵoj, ĉokolado kaj en kromaj produktoj; pluraj el ili - se la planoj de la nutro-industrio sukcesos - enhavos, en 1997, Usonajn sojfabojn sen etiketo kaj gene modifitajn. Sed ne ĉiuj konsumantoj scias kion, tio signifas, rilate al sano kaj al medio.

**Sojfabo gene modifita**

Sojfabo gene modifita ne estas pli malmultekosta, pli bongusta, aŭ pli saniga. Ĝi estas nur planita por rezisti al herboveneno "*Round up Ready*" (Kunpelo Preta), herboveneno produktata de la sama Usona plurnacia kompanio. La semoj enhavas genojn el bakterio, viruso, kaj preskaŭ neniu konas la interreagon de unu geno kun la alia kaj kun la medio.

**Konataj kaj nekonataj sekvoj**

En 1996 alia produkto el la sama Usona kompanio - modifita kotono - tute malplenumis la atendojn. La kotono modifita estis intencita por protekti sin kontraŭ la atako de raŭpoj per insektoveneno produktata de la sama kompanio. Sed la afero malsukcesis, kaj ĉirkaŭ 20.000 akroj da kotono perdiĝis kun la risko ankaŭ ke la raŭpoj iĝas rezistkapablaj kontraŭ la veneno mem. Lastatempe la supre menciita kompanio gene modifis polemikigan kresko-hormonon "*rBGH*" por bovinoj; ĝi estis projektata por igi bovinojn produkti pli da lakto; sed tio povus difekti la bovinojn mem. Terkultivistoj kaj konsumanto-grupoj

protestis kontraŭ ĝia uzado, kaj Eŭropa Unuiĝo malpermesis ĝian uzadon almenaŭ ĝis la jaro 2000.

**Genoj**

Ĉiuj estaĵoj havas genojn. Genoj kondiĉas la transdonon de heredaj karakteroj, kiuj pasas plu de generacio al generacio. Genoj certigas ke, ekzemple, balenoj naskos balenojn, ke bakterioj naskos bakteriojn. Gena teknologio konsistas en preni genojn el unu specio - ekzemple, skorpio -, kaj transigi ilin al malsimila specio - ni diru, maizo -, sekve formante tute novan vivformon, kun novaj trajtoj kaj, kiam ellasata en la medio, kun nekonataj sekvoj. Hibrido ekzistis jam de longa tempo, sed ĝi nun tute kaj terure translimiĝis, kaj ĝi estas kreanta teran regnon de Frankenstajnoj.
El la regno animala, besto ne povas interkruciĝi kun homo; tiele ke el regno vegetala, planto ne povas interkruciĝi kun besto.
Tamen, la ekzemplo supre menciita pri skorpio kaj maizo, ne estas frukto el inkub-sonĝo aŭ io, kiun scienca fikcio inventis. Tre konata Svisa agro-kemi-kompanio petis protekt-patenton por sia skorpia maizo. Kromaj internaciaj kompanioj progresigas tiujn ĉi eksperimentojn pri nutro-plantoj. La disvastigado de tiuj plantoj povus eĉ ŝanĝi la land-aspekton, detruante lokajn plantojn. La kompanioj implikitaj en gena teknologio pri nutrado, kutime pretendas ke ili tion faras por "plibonigi" Naturon. Ili asertas, ekzemple, ke ili volas havi rikoltojn rezistajn al herboveneno, aŭ fruktojn kaj legomojn pli grandajn kaj belaspektajn, sed la vera rezulto estas tute alia.

**Fremdaj Genoj**

Multaj genoj, per kiuj plurnaciaj kompanioj volus nutri nin, estas el plantoj aŭ bestoj aŭ aliaj substancoj, kiuj ne estas par-

to de normala homa nutrado, t.e. skorpioj, falenoj, bakterioj, virusoj, ratoj, kaj musoj. La danĝero al homa sano, enmetante je la taga nutrado tiujn ĉi fremdajn genojn en viandon, fruktojn, kaj legomojn, estas tute kaj simple nekonata. Alergio estas unu el la plej komuna kaj plej malfacila perturbo por malkovri kaj pritrakti. Enmeti neprovitajn kaj netestitajn substancojn en nian nutraĵojn pligrandigas riskon de alergia reago. Por ne paroli pri la reagoj ricevitaj de la bovinoj pro maltaŭga nutrado, kiu kaŭzis al la bovinoj Bovan Spongoforman Encefalopation, kaj verŝajne al la homoj, kiuj sin nutras per infektitaj bovinoj, la malsanon nomata *Creutzfeld-Jakob*.

**Gena teknologio: fremda vivformo**

Usonaj sciencistoj enmetis genojn el kresko-hormono en porkojn por grandigi kaj malgrasigi ilin. Tiuj porkoj suferis pro malbona vido, artrito, stomakulcero, malforta muskolaro, letargio kaj impotenteco. Ili kreskis ne pli grandaj ol normalaj porkoj.

**Referendumoj anoncataj**

En kelkaj landoj homoj estas tiel maltrankvilaj pri tiuj genaj eksperimentoj, ke referendumoj estas anoncataj por malpermesi kreskadon de tiaj modifitaj estaĵoj, kaj ĝian uzadon por nutrado.

**Por pliaj informoj kaj agado**

Por pliaj informoj kaj agado oni povas kontakti lokajn grupojn de Verda Paco aŭ ĝian internacian sidejon: *Greenpeace International - Keizersgrach 176 - NL - 1016 DW Amsterdam, Nederland.*

El Internacia Verda Paco (*Greenpeace International*) Nov. '96

# *NEKONATAJ, KIEL ELKOSMULOJ*



*Margherita Hack*

*Dum la sukcesa kunveno organizata en Trieste, Italio, la pasintan monaton Oktobro, pri "Bestoj kaj Homoj ĉe la sojlo de Tria Jarmilo", prelegis verkisto Roberto Marchesini, Massimo Vitturi kaj Margherita Hack. Tre interesaj estis ĉiuj intervenoj, kaj Norina Cijan resumas ĉitie la vortojn de fama sciencistino pri astronom-fiziko Margherita Hack, rilate la supran temon:*

"Kia estas rilato inter homo kaj besto je la fino de tiu ĉi jarcento kaj ĉe la sojlo de tria jarmilo? Jes, materia familia bonstato en kelkaj landoj dum la dua duono de ĉi jarcento kontribuis ankaŭ al bonstato ekzemple de akompan-bestoj. Terapeŭtika efiko de bestoj por infanoj, malsanuloj kaj maljunuloj estas elkovrata. Multo estas farata de bestprotektantoj por helpi bestojn. Male, ekzistas negativaj faktoj, kiel: intensa bredado; grandega pligrandiĝo de viand-konsumo, kompare kun la unua duono de la jarcento; por plenumi tiun pli grandan konsumadon de viando, buĉbestoj estas devigataj vivi kontraŭ naturo en teruraj kondiĉoj, pri kiuj homoj ĝenerale malmulton aŭ nenion scias; utiligo de bestoj por abomenaj vivisekciaj eksperimentoj; bioteknologiaj eksperimentoj per kiuj oni kreas bestojn transgenajn, kiuj devas esti fizike akordigeblaj kun homoj kaj utilaj por transplantiĝo de organoj. La rezulto de tiuj ĉi aven-

turoj de sciencistoj-sorĉistoj, laŭ mia opinio, aperos post trideko da jaroj de eksperimentoj.

Estas vere ke nuntempe, post maksimumo, pluraj homoj inklinas redukti konsumadon de viando, ankaŭ ĉar oni konstatis ke tro da vianda manĝo ne estas saniga. Kreskas nombro da vegetaranoj ĉar vegetaraniĝi certe ne difektas sanon. Kaj mi tion diras plenscie ĉar mi estas denaske vegetarana. Miaj gepatroj jam estis vegetaranoj kiam mi naskiĝis. Mi estas 74 jarojn aĝa, kaj mi estas en bona atleta formo; mi naĝas, biciklas, ludas manpilkon; mi neniam suferis gravan malsanon. Eble tio estas favoro de la sorto, sed la fakto ke mi neniam manĝis viandon eĉ ne dum kreskadaĝo, kiam oni kredas ke necesas viandnutrado, evidente min ne difektis.

Homoj ofte kun granda intereso sin demandas pri elkosmuloj, pri kiel ajn aspektas estaĵoj sur aliaj planedoj; kaj multaj el ili vivas sian tutan vivon sur tiu ĉi planedo sen intereso kaj zorgo pri bestoj, kiujn ili nur uzas, kaj estas al ili ne konataj kiel elkosmuloj, kiel uloj el tute fremda mondo.

Ĉu la situacio pliboniĝos? Se konscio pri faktoj malkreskigos homan egoismon, ne nur la homa situacio pliboniĝos, sed ankaŭ la besta.

Ni grandege modifis nian loĝmedion, kaj sinsekvo de tiuj ĉi modifoj estas malaperigo de pluraj rasoj. Tio interrompas ĉenon, kiu ligas specioj unu al la alia, kaj ekzemple malapero de bestoj, kiuj manĝas nocajn insektojn devigas nin uzi insektovenenojn, kiuj malutilas nian sanon.

Ni estas en fazo, kie scienco kaj teknologio kaj portis grandegajn progresojn, kaj portis negativajn sekvojn, sed mi opinias ke ĝuste scienco estas la sola, kiu ankaŭ kapablas tute kompreni tiujn negativajn sekvojn, do scienco ilin povas rebonigi".

## La Bildstria Gvido al **GENETIKO**

*Se vi volas scii: el kiu materialo nia korpo konsistas; kio estas en ĉelo; kio decidas sekson; kiel oni fariĝas simila al la propraj gepatroj kaj ne al la najbara laktisto, kaj al pliaj demandoj pri genetika "inĝenierado", genreguligado, rekombinita DNA, ktp., vi ricevos respondojn humurajn kaj rigore sciencajn per* **La Bildstria Gvido al GENETIKO**, *kiun verkis en la angla Mark Wheelis, ĉeflektoro pri mikrobiologio en la Universitato de Kalifornio, Usono, Larry Gonick, diplomito el Harvard Universitato, kaj tradukis en la Internacian Lingvon, Koreano Sung Ho Cho, kiu instruas genetikon, kaj estas profesoro pri molekula biologio kaj fiziologio de plantoj. La verko estas havebla ĉe: Libroservo de UEA - Nieuwe Binnenweg 176 - NL - 3015 BJ Rotterdam, Nederland. Prezo: NLG 27,00.*



# LA PATENTOJ ŜTELITAJ DE NATURO

**Muziko**
**La melodioj de najtingalo**



Estas certe ke ne homoj, sed birdoj, inventis tion, kion ni nuntempe nomas muzikajn kompoziciojn. Por tion kompreni, ni devas aŭskulti atente la ludojn de la flugbirdoj, kiuj estas fakte veraj muzikantoj. Sed ni ne aŭskultu nur la kanton de tiuj birdoj, kiuj ĉiam ripetas la samajn notojn, kiel merlo, aŭ fringo, kies kanto estas frazo el malmultaj taktoj sen malsamaj evoluadoj aŭ variaĵoj; estas tamen notinde ke se iu instruas ĝin, fringo lernas kanti pli kortuŝe; kaj homoj tiel kruele profitas de ĝi ke ili ne nur malliberigas ĝin, sed ankaŭ ili blindigas ĝin por ke en sia malĝojo ĝi eligu pli belajn sonojn. La blindigo de fringoj preskaŭ neniam pli okazas nuntempe, sed la birdmalliberigo, jes.

Najtingalo, male, estas vera kaj granda muzikanto. Oni diras ke dum ĝi defendas sian teritorion, ĝi kantas kaj priskribas per sia kanto ankaŭ ĝian belecon, kaj eble kiam li amindumas sian inon, la virnajtingalo dediĉas al ŝi belegajn serenadojn.

Sed laŭ fama franca biologiisto Remio Ŝoveno (*Remy Chauvin*), la najtingalo faras ankaŭ puran arton. Ŝoveno rakontas fakton: en 1962 hungara Cekeo (*Szöke*) havis genian ideon malrapidigi surbendigadon de la kantoj de kelkaj najtingaloj. Cekeo havis la impreson kiel se la "tempo" de la birdoj estas pli rapida; ke ĝi ne havas nian saman ritmon; kaj kiel se la bendo estas malvolvigata tro rapide. Li do provis malrapidigi la

malvolvigon de la surbendigo de kelkaj kantoj, kaj li malkovris mirindan fakton: tiuj muzikoj iĝadis komponaĵoj samnivelaj, laŭ melodia beleco kaj ritma fantazio, al niaj plej famaj pecoj. Jam Betoveno (*Beethoven*) en sia Pastorala Simfonio, kaj Oliviero Mesieno (*Olivier Messiaen*) uzis la pepadon de birdoj kiel fonton de inspiro, sed tio estas tute malsama afero: tio estas kvazaŭ deĉifri sekretan mesaĝon.

Remio Ŝoveno volis fari kontraŭprovon: li petis de sia amikino, kiu estis muzikistino, aŭskulti unu el la bendoj malrapidigitaj de Cekeo, sen klarigi al ŝi pri kio la afero temas. Je la fino, ŝi, tre impresita, diris al li ke la verko estas belega; sed ŝi ne kapablas identigi la aŭtoron kaj scii per kia instrumento ĝi estas ludata. Ŝi aldonis ke ŝi ŝatus aŭskulti ĝin, ludatan per fluto.

**Ĉu nur homoj kapablas pensi?**

Brita natursciencisto *John Blackwall* metis araneon en vitran vazon alta kaj mallarĝa. Dum unu tuta tago la kompatinda kaptito restis neniigita sur la fundo de la vazo, sen espero fuĝi el la malliberiga ujo. Sed fine ĝi trovis solvon. Ĝi metis guton da gluaĵo sur unu vandon de la vazo kaj poste su la kontraŭan, kaj ĝi fiksis en ilin horizontalan fadenon: la unua ŝtupo estis preta. Super la unuan ŝtupon ĝi metis la duan, kaj poste la trian, la kvaran, la kvinan... ĝis la ŝtuparo atingis la randon. Kaj *John Blackwall*, plena je miro, adoptis la araneon.

**La papero kaj la vespo**

Ĉu okazis al vi vidi vespon iom grandan kun mallarĝa gracia talio kaj la kutima nigra "livreo" je flavaj strioj, flugantan ĉe sia vespejo? Lasu ĝin trankvila, ĉar se ĝenata, ĝi povus sin defendi kontraŭ vi per sia venena pikilo, sed rigardu ĝin kun respekto.

Ĝia vespejo, kiu similas al seka floro, havas pli aŭ malpli 50 sesflankajn ĉelojn, kaj ĝi estas en bone riparita loko, ekzemple sub tegmento; en varma vetero ĝi povas esti pendanta de branĉo de arbo per pedunklo, kaj renversita, por eviti ke la pluvo inundos ĝin. Se tiel estas, sendube la vespo estas "polisto", kaj vi devas honori kaj riverenci ĝin, ĉar vi estas antaŭ la genio, kiu inventis paperon.

Estas vere ke Ĉinoj komencis produkti paperon jam je la dua jarcento, kaj ke Eŭropanoj danke al la iniciatemo de Araboj konis ĝin je la jaro mil, sed polistoj estas majstroj pri tiu ĉi arto, de pluraj miloj da jarcentoj.

En la historio de la tekniko, la naivaj sed honestaj tekstoj de la oka jarcento agnoskis ke la malkovro de la paperpasto originas el observado de vespoj. Ĉu malkompleta observado? Eble jes. La natursciencisto *René Antoine de Reaumur* asertis en 1719 "... tamen vespoj ŝajnas defii nin: ili produktas bonegan paperon uzante lignon anstataŭ kotonajn, kanabajn aŭ linajn ĉifonojn". Fakte, kvankam ni forprenis la ideon el tiuj mirindaj insektoj, ĝis la pasinta jarcento ni ne sukcesis elpreni la celulozon rekte el ligno.

Kia estas la tekniko de vespoj por produkti paperon? Per mandibloj ili ŝiras etajn splitojn el la ligno, kiujn ili maĉas kaj miksas kun salivo. Ricevinte subtilan miksaĵon, ili kraĉas ĝin, kaj per enkorpigita trulo, ili modlas la ĉeletojn, kiuj estas perfekte geometriaj. Ĉiu septo de la sesangulo de la ĉeleto utilas por la apuda ĉambreto, kaj tiele ili ŝparas ankaŭ materialon.

**Malvarma Lumo**
**La Lampo de Lampiro**

Dum jarcentoj homoj penis kopii la malvarman lumon, kiun lampiro, kaj pluraj aliaj surteraj kaj maraj bestoj posedas. Provis tion fari la antikvaj Egiptoj kaj la Grekoj, sed nur je la

fino de la pasinta jarcento danke al la studoj de la franca *Emile Du Bois Reymond,* homoj sukcesis malkovri biologian lumpovon. Tamen estas diferenco inter malkovro de io kaj kopio de ĝi. La produktado de la mirinda malvarma lumo en laboratorio ŝajnis neebla; krom scii ke ĝi estas produktata de enzimo, kaj de proteino, kaj nomi ilin "luciferaso" kaj "luciferino", la kemiistoj ne progresis plue; ili povis nur admiri la kapablon, kiun tiuj ĉi substancoj havas kombiniĝi, kaj transformi al lumo per kontakto kun la oksigeno ĉiun unuon de energio sen nenion disperdante por produkti varmon. Niaj komunaj lampoj kapablas trasformi eble 7 procentojn el ĝi, kaj tiuj fluoreskaj iom pli. Kia malŝparo! Sed fine la patento estis kopiata. La kemiistoj produktis sinteze la du substancojn, kiuj, unuiĝante, eligis helan nubon da elektronoj kaj ili alvenis al la unuaj lampoj je malvarma lumo, t.e.: plasta tubo en kiu troviĝas fluaĵo, en kiu estas mergita ampolo; tiu ampolo enhavas alian fluaĵon, kaj tiuj ĉi estas precize luciferaso kaj luciferino. Kiam la ampolo rompiĝas, kaj la du substancoj kontaktiĝas, la mirindaĵo estas plenumita, kaj ĝi estas identa kun tiu kreita de Naturo. Post la ofero de milionoj da lampiroj, fine homoj ricevis malvarman lumon.

Teksto de ***MIRELLA DELFINI***
el "*I Brevetti rubati alla Natura*" (La Patentoj ŝtelitaj al Naturo) - *Il Giornalino* -
Tradukis *Lilia Fabretto.*

# Dana vegetara manĝaĵo

Receptoj de la vegetarklubo "Spiren" (La Ĝermo)
Christiansgade 38, 9000 Aalborg, Danio

*En la jaro 1981 fondis mia edzo Ejnar Hjorth kaj mi vegetarklubon en nia domo meze de la urbo Aalborg. Nia celo estis montri al la klubanoj kiom bone, sane kaj malmultekoste oni povas nutri sin kiel vegetaranon en Danio.*

*La klubo estis bazita sur libervola laboro. La membroj povis laŭ interkonsento labori en la kuirejo. "Spiren" funkciis dum 10 jaroj en la vintrosezono, kie la klubanoj renkontiĝis 1-3 fojojn semajne.*

*Ejnar kaj mi ekkonis Esperanton en 1989 kaj ni komencis studi la lingvon kune kun kelkaj vegetarklubanoj. La vegetarklubo ĉesis en 1991, sed ni daŭrigis la Esperantostudadon kaj ni uzas nun la lokon por Esperantoinstruado kaj klubkunvenoj kun eksterlandaj Esperantogastoj.*

*Mia renkonto kun Esperanto estas unu el la plej bonaj okazintaĵoj en mia vivo. Mi treege ŝatas la lingvon kaj elkore mi salutas ĉiujn Esperantistajn vegetaranojn per la sekvantaj receptoj de la antaŭa vegetarklubo "Spiren", Aalborg, Danio.*

**Sana kaj malmultekosta kruda salato**

2 partoj da hakita blanka brasiko
2 partoj da raspitaj ruĝaj betoj
1 parto da raspita pomo

Miksu ĉion kaj aldonu iomete da freŝa kremo.

**Terpomosupo**

por 4 personoj

1 kg da grandaj terpomoj
2 tekuleroj da kareo

| | | |
|---|---|---|
| 200 g | da verdaj delikataj pizoj | 1 litro da herbobuljono |
| 200 g | da selerio | 1 dl da kremo |
| 50 g | da vegetaĵa margarino | lakto |

Senŝeligu kaj tranĉu la terpomojn en kvaronoj. Senŝeligu kaj tranĉu la selerion en malgrandaj pecoj. Boligu la terpomojn kaj la selerion dum 25 minutoj en duonlitro da akvo sen salo. Dispremu terpomojn kaj selerion rekte en la bolpoto kun eventuale restinta akvo. Prenu alian bolpoton kaj fandu margarinon kune kun 2 plenaj tekuleroj da kareo. Enmiksu la terpomo-seleriokaĉon. Kirlu bone kaj surverŝu herbobuljonon kaj kremon. Metu pizojn en la supon. Kuiretu dum 5 minutoj. Se la supo estas tro dika, aldonu iomete da lakto. Surtabligu la supon kun hejmbakita pano kaj ruĝabeto-karoto-salato.

**Bongusta saŭco por ruĝabeto-karoto-salato**

Por 300 g da raspita ruĝa beto kaj 300 g da raspita karoto:

1 supkulero da sala sojosaŭco
1 supkulero da oleo
1 supkulero da citronsuko
1 supkulero da kansukero

Kirlu la saŭcon bone kaj uzu nur malmulte da ĝi por ke la salato ne fariĝu tro malseka.

**Hejmbakita tritiko-pano**

| | | |
|---|---|---|
| 300 g | da novmuelita tritiko | 50 g da gisto |
| 1 kg | da blanka faruno | salo |

Verŝu duonlitron da boliganta akvo sur la muelitan tritikon (se vi ne havas muelilon, vi povas uzi 300 g da senbranigita faruno), kaj aldonu 2 tekulerojn da salo. Post unu horo, kiam la miksaĵo estas malvarma, aldonu kvaronlitron da malvarma akvo

en kiu vi miksas la giston. Knedu bone la paston kun tiom multe da blanka faruno por ekhavi elastan molan paston. La pasto devas leviĝi al duobla kvanto (1-2 horojn). Prenu la paston kaj formu 2 ovalajn panojn. Metu ilin sur bakplaton. Ili devas leviĝi dum 30 minutoj. Surŝmiru la panojn per akvo. Enformigu. Baku je 225° dum 30 minutoj.

**Tobingtono**

por 4 personoj

4 dl da longa senbranigita rizo
2 dl da kremo
1 kg da blanka brasiko
salo

Bolu rizon dum 30 minutoj. Aldonu kremon kaj duontekuleron da salo. Lasu boli ĝis sufiĉe dika kaĉo. Se la kaĉo estas tro dika, aldonu iomete da akvo. Tranĉu brasikon en sufiĉe malgrandaj pecoj kaj boligu dum 15 minutoj en akvo kun 1 tekulero da salo. Metu 1/3 el la rizokaĉo en grasumitan paton kaj metu la degutigitan brasikon sur la rizo-kaĉon. Kovru la brasikon per tomato-saŭco, kiun vi preparos per la jenaj ingrediencoj:

50 g da vegetaĵa margarino
100 g da hakitaj cepoj
1/2 tekulero da premita ajlo
1 tekulero da kareo
1 tekulero da sekigita bazilio
1 dl da tomato-kaĉo
2 dl da herbobuljono

Enmetu ingrediencojn en paton kun margarino kaj kirlu ĝis la saŭco estas preta. Verŝu la saŭcon sur la brasikon, kaj kovru per la lastaj 2/3 da rizo-kaĉo. Surŝutu raspitan panon, kaj aldonu pecetojn da margarino. Enfornigu. Baku je 225° dum 30 minutoj.

**Else Hjorth**

# VEGETARANAJ CENTROJ

*Al la listo de Vegetaranaj Centroj, kiu aperis en la LETERO de E/V 12/96, ni aldonas ĝisdatigitajn adresojn, kaj novajn adresojn, kiujn la Membroj sendis al ni:*

**ARGENTINO**
Argentina

- **LOS NOTROS - Restoracio kun Hoteleto**
  Av. Bustillo km 20, Ap. Postal 20, AR-8400 S.C. de **BARILOCHE**, Prov. Rio Negro - Tel. 0944-48616. Laŭ la ŝoseo Llao-llao, ĉe bushaltejo. Esperantistoj bonvenaj. La prezoj ne estas altaj. Petu vegetaranan menuon. Anoncu vian alvenon.
- **PATAGONIA ANDINA - Urbocentra Gastejo**
  Morales 564, C.C. 60, AR-8400 **BARILOCHE** - Tel. 54-944-22783. Kuirejo disponebla - Libroj - Mapoj - Esperantistoj bonvenaj

**AŬSTRALIO**
Australia

- **AUSTRALIAN VEGAN SOCIETY, (NSW)**
  P.O. Box 467, **Broadway** NSW 2007
- **VEGETARIAN/VEGAN SOCIETY OF QUEENSLAND,**
  P.O. Box 400, **SOUTH BRISBANE**, Qld 4101
- **VEGETARIAN SOCIETY OF WESTERN AUSTRALIA,**
  P.O. Box 220, **NORTH PERTH**, WA 6006
- **AUSTRALIAN VEGETARIAN SOCIETY, (NSW),**
  P.O. Box 65, **PADDINGTON**, NSW 2021
- **AUSTRALIAN VEGETARIAN SOCIETY, (ACT),**
  P.O. Box 1786, **CANBERRA**, ACT 2601
- **VEGETARIAN AND NATURAL HEALTH, (NQ),**
  P.O. Box 741, **AITKENVALE**, NQ 4814
- **AUSTRALIAN VEGETARIAN SOCIETY, (VIC),**
  P.O. Box 1228, **COLLINGWOOD**, VIC 3066
- **VEGETARIAN SOCIETY OF SOUTH AUSTRALIA**
  46, Rundle Malla, **ADELAIDE**, SA 5000

**BRITIO**
United Kingdom

- **NEW GARDNERS - Restoracio**
  511 Fulham Road, SW6 1HH, GB-**LONDON** Tel. 0171 381 1411. Malfermita de la 5h00 ptm marde, merkrede, ĵaŭde, vendrede, sabate., Nepra rezervado. Du minutojn el Fulham Broadway subtera fervojo. La tuta menuo de manĝaĵoj kaj trinkaĵoj estas sen bestproduktoj
- **RANI - Vegetarian Restaurants**
  7 Long Lane, Finchley Central N3. 0181-349 4386 3 Hill Street, **RICHMOND** TW9 1SX. 0181-332 2322

| | |
|---|---|
| **DANLANDO**<br>Danmark | - **GOVINDA - Vegetarana Restoracio**<br>Norre Farimagsgade 82, **KOBENHAVN**. Malfermita de 11h00 atm ĝis 4h00 ptm. Telefono 38 11 32 76 |
| **ITALIO**<br>Italia | - **ALIMENTAZIONE - butiko de bongustaĵoj**<br>Via della Panetteria, 8 - IT-00187 **ROMA** Tel. (06) 6796259. Per nutro-produktoj nature kultivataj: kukoj, biskvitoj ankaŭ sen lakto kaj ovoj, pano, vegetaraj tortoj, ktp<br>- **AL SOL D'ORO Vendejo de produktoj laŭnature kultivataj**<br>Via Ennio Quirino Visconti, 6 - IT-00193 **ROMA** Tel. (06) 3204977 - malfermita: 8h30 - 19h3; fermita dimanĉo kaj lundo matene<br>- **CIRCOLO VEGETARIANO-RESTORACIO**<br>(pr. Ĉirkolo Veĝetariano) Piazza Roma 22 - IT-01030 **CALCATA** (pr. Kalkata). En Provinco de Viterbo, je unuhora distanco de Romo, en malnova vilaĝeto sur kruta roko. Anoncu vian alvenon; nepra rezervado. Prezidanto de la klubo: s-ro Paolo D'Arpino. Tel.: (0761) 587733 aŭ 587200<br>- **GEO - Restoracio**<br>Via della Cordonata 15 (Via Cassia - bivio Trevignano - **BORGO MEDIEVALE MAZZANO ROMANO** (ROMA)<br>- **IL CANESTRO - Restoracio kaj vendejo**<br>Via Luca della Robbia 47 - 00153 **ROMA**. Tel.: 5746287<br>- **JAYA SAI MA - Restoracio**<br>Via Angelo Bargoni 10/18 - IT-00153 **ROMA** Tel. (06) 5812840 - Mafermita ĉiuvespere de la 20h00-malfermita lundo<br>- **MARGUTTA VEGETARIANO - Restoracio**<br>Via Margutta, 118 - IT-00187 **ROMA** Tel. (06) 32650577 - malfermita ĉiutage 12h30-24h00<br>- **NAUTIA - Naturbutikoj**<br>00185 **ROMA** - Via degli Ernici, 7/9 - Tel. (06) 4454248<br>00199 **ROMA** - Via Magliano Sabina, 11 - Tel. (06) 86210995<br>00152 **ROMA** - Via Catel, 30 Tel. (06) 58205600<br>00195 **ROMA** - Via Faa di Bruno, 81 - Tel. (06) 37515219<br>00060 **NAZZANO** (Roma) - Via Tiberina Km 33,700 - Tel. (0765) 332731<br>Malfermitaj de lundo al vendredo: 9h00-19h30 kaj sabato: 9h00-13h30 |
| **IZRAELIO**<br>Israel | - **PENSIONO - GUESTHOUSE**<br>Pensiono por vegetaranoj kaj veganoj nefumantoj. Informoj ĉe: Philip Campbell, IL-AMIRIM VILLAGE, near Carmiel. 20115, Israel. Tel. 06-989045, Fakso 06-980772 |
| **KUBO**<br>Cuba | - **ECO** (pr. Eko) **Restoracio**<br>- **LA HABANA** - en Nacia Zoologia Ĝardeno |

| | |
|---|---|
| **KUBO**<br>Cuba | - **RESTORACIO CIENFUEGOS** - Ave 56 E/31433 - Malfermita: 11h00 - 14h00 / 17h00 - 21h00; fermita merkredo |
| **USONO**<br>U.S.A. | - **AFRO AMERICAN VEGETARIAN SOCIETY**<br>- P.O. Box 46, Colonial Park Station, **NEW YORK**, NY 10039<br>- **AMERICAN VEGAN SOCIETY (AVS)**<br>P.O Box H, **MALAGA**, NJ 08328, (609) 694-2887<br>- **ASSOCIATION OF VEGATARIAN DIETITICIANS & NUTRITION EDUCATORS (VEGEDINE)**<br>3674 Cronk Roak, Montour Falls, **NY** 14865, (607) 535-6089<br>- **EARTHSAVE**<br>706 Frederick Street, **SANTA CRUZ**, CA 95062<br>Tel.: (408) 423-4069/(800) 362-3648<br>- **FRIENDS VEGETARIAN SOCIETY OF NORTH AMERICA**<br>P.O. Box 6956, LOUISVILLE, KY 40206<br>**JEWISH VEGETARIANS OF NORTH AMERICA** 6938 Reliance Road, **FEDERALSBURG**, MD 21632 Tel.: (410) 754-5550<br>- **NORTH AMERICAN VEGETARIAN SOCIETY**<br>P.O. Box 72, **DOLGEVILLE**, NY 13329<br>- **PHYSICIANS COMMITTEE FOR RESPONSIBLE MEDICINE**<br>P.O. Box 6322, **WASHINGTON**, DC 20015, (202) 686-2210<br>- **VEGAN ACTION**<br>P.O Box 4353, **BERKELEY**, CA 94704-0353<br>- **VEGETARIAN LIFE, SPECIAL INTEREST GROUP OF MENSA**<br>P.O. Box 3425, **SHELL BEACH**, CA 93448<br>- **VEGAN OUTREACH**<br>10410 Forbes Road, **PITTSBURGH**, PA 15235<br>- **VEGETARIAN EDUCATION NETWORK (VE NET)**<br>P.O. Box 3347, **WEST CHESTER**, PA 19381, (717) 529-8638<br>- **VEGETARIAN RESOURCE CENTER (VRC)**<br>P.O. Box 38-1068, **CAMBRIDGE**, MA 02238-1068<br>Tel: (671) 625-3790, Fax: 357-2596<br>- **VEGETARIAN RESOURCE GROUP (VRG)**<br>P.O. Box 1463, **BALTIMORE**, MD 21203, (410) 366-8343, Fax: 366-8804<br>- **VEGETARIAN SOCIETY, INC.**<br>P.O. box 34427, **LOS ANGELES**, CA 90034, (619) 492-8803/(714) 647-5590<br>- **VEGETARIAN YOUTH NETWORK**<br>P.O. Box 1141, **NEW PALTZ**, NY 12561 |

## INTERNACIAJ VEGETARANAJ CENTROJ

**BRITIO**
United Kingdom

- **VEGETARIANS INTERNATIONAL VOICE FOR ANIMALS (VIVA!)** (nova adreso) 12 Queen Square - GB - **BRIGHTON** BN1 3FD Tel: 01273 777688 - Fakso 01273 776755

**HISPANIO**
España

**INTERNATIONAL VEGETARIAN UNION (IVU)**
(nova adreso) Apartado Postal 38.130 - ES-28080 **MADRID**
Tel. (34) 1-3319960 / Fakso (34) 1-332 14 16

**ITALIO**
Italia

**TUMONDA ESPERANTISTA VEGETARANA ASOCIO (TEVA)**
C.P. 5050 - IT - 00153 **ROMA** - Fakso 58302232

**USONO**
U.S.A.

**PLENTY INTERNATIONAL**
P.O. Box 394, **SUMMERTOWN**, TN 38483 - Tel. (615) 964-4864

## GVID-LIBROJ KUN ADRESOJ DE HOTELOJ, PENSIONOJ, RESTORACIOJ, ktp.:

**BRITIO**
United Kingdom

- **CRUELTY-FREE GUIDE TO EDINBURGH** - GBP 1.90
- **SCOTLAND THE GREEN** - Jackie Redding - GBP 4.50
- **THE NORTH WEST VEGGIE GUIDE** - GBP 1.00
- **THE VEGETARIAN AND VEGAN GUIDE TO THE LAKE DISTRICT** 1996/7 - Kendal Vegetarians . GBP 0.60
- **VEGETARIAN LONDON** - Alex Bourke and Paul Gaynor - GBP 4.99
- **VEGETARIAN VISITOR** - Annemarie Weitzel - havebla ĉe librovendejoj aŭ ĉe Jon Carpenter - The Spendlove Centre, Charlbury, Oxfordshire OX73PQ - GBP 2.50.

| | |
|---|---|
| **FRANCIO**<br>France | - **THE VEGAN GUIDE TO PARIS** - Alex Bourke - GBP 2.50 |
| **GERMANIO**<br>Deutschland | - **THE VEGAN GUIDE TO BERLIN** - Max Friedman - GBP 2.50 |
| **IRLANDO**<br>Ireland | - **THE BRIDGESTONE VEGETARIAN'S GUIDE TO IRELAND**<br>Sally and John McKenna - GBP 6.99 |
| **NEDERLANDO**<br>Nederland | - **THE CRUELTY-FREE GUIDE TO AMSTERDAM**<br>Henk de Jong - GBP 3.00 |
| **USONO**<br>U.S.A. | - **THE VEGETARIAN GUIDE TO NEW YORK CITY**<br>Max Friedman and Dan Mills - GBP 2.50<br>- **THE VEGAN GUIDE TO NEW YORK CITY**<br>Max Friedman and Dan Mills - GBP 2.50 |

Por pliaj informoj:

| | |
|---|---|
| **BRITIO**<br>United Kingdom | - **THE VEGETARIAN SOCIETY** - Parkdale, Dunham Road, **Altrincham**, Cheshire WA14 4QG<br><br>- **VIVA! BOOKS FOR LIFE** - 12 Queen Square - Queen Square - **Brighton** BN1 3FD<br>Tel. 01273 777688 - Fx 01273 776755 |

☆

# VORTOJ DE L.L. ZAMENHOF

Sekve de peto de la Membroj, en niaj publikaĵoj kutime estas vortoj el la verkoj aŭ el la mesaĝoj de L.L. Zamenhof. En ĉi kajero vi trovos vortojn , kiujn Zamenhof elparolis dum la unua Universala Kongreso de Esperanto en Bulonjo-sur Maro, Francio (Aŭgusto, 1905), kun la Preĝo sub la Verda Standardo:

... *"Baldaŭ komenciĝos la laboroj de nia kongreso, dediĉita al vera fratiĝo de la homaro. En tiu ĉi solena momento mia koro estas plena de io nedifinebla kaj mistera kaj mi sentas la deziron faciligi la koron per ia preĝo, turni min al iu plej alta forto kaj alvoki ĝian helpon kaj benon. Sed tiel same kiel mi en la nuna momento ne estas ia naciano, sed simpla homo, tiel same mi ankaŭ sentas, ke en tiu ĉi momento mi ne apartenas al ia nacia aŭ partia religio, sed mi estas nur homo. Kaj en la nuna momento staras inter miaj animaj okuloj nur tiu alta morala Forto, kiun sentas en sia koro ĉiu homo, kaj al tiu ĉi nekonata Forto mi turnas min kun mia preĝo:*

# PREĜO SUB LA VERDA STANDARDO

*Al Vi, ho potenca senkorpa mistero,*
*Fortego, la mondon reganta,*
*Al Vi, granda fonto de l'amo kaj vero*
*Kaj fonto de vivo konstanta,*
*Al Vi, kiun ĉiuj malsame prezentas,*
*Sed ĉiuj egale en koro Vin sentas,*
*Al Vi, kiu kreas, al Vi, kiu reĝas,*
*Hodiaŭ ni preĝas.*

*Al Vi ni ne venas kun kredo nacia,*
*Kun dogmoj de blinda fervoro;*
*Silentas nun ĉiu disput' religia*
*Kaj regas nur kredo de koro.*
*Kun ĝi, kiu estas ĉe ĉiuj egala,*
*Kun ĝi, la plej vera, sen trudo batala,*
*Ni staras nun, filoj de l'tuta homaro*
*Ĉe via altaro.*

*Homaron Vi kreis perfekte kaj bele,*
*Sed ĝi sin dividis batale;*
*Popolo popolon atakas kruele,*
*Frat' fraton atakas ŝakale.*
*Ho, kiu ajn estas Vi, forto mistera,*
*Aŭskultu la voĉon de l'preĝo sincera,*
*Redonu la pacon al la infanaro*
*De l'granda homaro!*

*Ni ĵuris labori, ni ĵuris batali,*
*Por reunuigi l'homaron.*
*Subtenu nin, Forto, ne lasu nin fali,*
*Sed lasu nin venki la baron;*
*Donacu Vi benon al nia laboro,*
*Donacu Vi forton al nia fervoro,*
*Ke ĉiam ni kontraŭ atakoj sovaĝaj*
*Nin tenu kuraĝaj.*

*La verdan standardon tre alte ni tenos;*
*Ĝi signas la bonon kaj belon.*
*La Forto mistera de l'mondo nin benos,*
*Kaj nian atingos ni celon,*
*Ni inter popoloj la murojn detruos,*
*Kaj ili ekkrakos kaj ili ekbruos*
*Kaj falos por ĉiam, kaj amo kaj vero*
*Ekregos sur tero".*

## KURIOZAĴOJ EN KUIREJO

# "AKVO KUIRITA"

Ĉu ... akvo kuirita? Jes, *acquacotta* (pr. akkuakotta), kiu fakte signifas en la itala lingvo "akvo kuirita" estas tipa, popola supo el Toskana Maremo, marborda ebenaĵo de centra Italujo. La verko *Cucina Maremmana* (Marema Kuirarto) de *Aldo Santini*, ne estas receptaro por vegetaranoj, tamen en ĝi la aŭtoro priskribas detale kaj kolore la etoson de la folklorriĉa Marema regiono, kiam antaŭ pluraj jaroj la vivo de la homoj estis simpla, laŭ naturo. En tiuj tempoj, ekzemple, en Maremo, kiam terlaboristoj iris al laboro, ili kunportis kuirpoteton, kaj tagmeze ili plenigis ĝin ĉe rivereto per akvo, kaj per tio, kion donis la sezono, t.e. ajlon, cepon, tomatojn; ili ekbruligis fajron, kaj kuiris la supon, en kiun ili aldonis pan-tranĉaĵojn.

Multaj estas la receptoj de "akvo kuirita" kiuj varias de loko al loko en la regiono, tamen ŝajnas ke la unua recepto, kiu atingis la honoron de menuo, estas tiu de Kapalbjo (*Capalbio*). Kaj jen la recepto de "Akvo Kuirita de Kapalbjo", laŭ *Tullio Sassi*, ĉefa kuiristo de la restoracio *Antico Casale* (Antikva Domareto): prenu karoton, celerion, cepon kaj tranĉu ilin maldike; subrostigu bazilion en kaserolo kun bona olivoleo; aldonu iomete da papriko por vervo kaj da tomato senhaŭta por koloro, kaj po unu glason da akvo por persono. Ne uzu buljonon el viando - sugestas *Tullio Sassi* - kiel kutime oni uzas en kelka restoracio ...! Kia "akvo kuirita" ĝi estus? Ĝi estus "buljono kuirita!" - Boligu la tuton sur malvigla fajro. Ju pli da bolado, des pli da bongustado: la regulo estas ĝuste tia, tamen, ne troigu...; se ĝi tro densiĝas, aldonu iomete da akvo. Ne metu salon. Post duonhoro la supo devus esti preta, kaj ĝi devus havi ĝustan densecon. Rompu po unu ovon por ĉiu persono, tiamaniere ke la ovoflavoj restu integraj; lasu ke ili iomete malmoliĝu sur la supo. En la suptelerojn metu kelkan tranĉaĵon el malfreŝa pano; la pantranĉaĵoj estu malmultaj, kaj ne rostetitaj. Verŝu la supon en la telerojn, kun la ovo en la centro de ĉiu telero. Ĉu fromaĝo? Abunda! Ĉu ŝafa aŭ Parma fromaĝo? Ŝafa estas la plej taŭga, ĉar tiu estas fromaĝo el Maremo. Tamen se vi havas delikatan buŝon, kaj vi trovas ke ŝafa fromaĝo havas tro intensan guston, metu sur la supon raspitan Parman fromaĝon.

*Pier Vittorio Orlandini*

# *ILUSTRITAJ PROVERBOJ*

*Ĉu vi estas humura desegnisto?*
*Se jes, sendu al ni viajn desegnaĵojn,*
*kiuj ilustras proverbojn pri niaj temoj kaj ideoj.*
*Ĉu la unua desegnaĵo en la apuda paĝo*
*ilustras proverbon,*
*kiu kongruas kun niaj ideoj?*

*Desegnaĵoj sen skribaĵoj*
*helpas ekzerci kaj praktiki nian lingvon kaj memoron.*
*Rigardu la apudajn ilustraĵojn,*
*kaj devenu la koncernajn proverbojn.*

*La samideanoj, kiuj sendos al ni*
*en perfekta Esperanto la proverbojn,*
*kies ilustraĵo aperas en la apuda paĝo,*
*kaj tiuj, kiuj sendos al ni belajn ilustraĵojn*
*kompreneble de ili mem faritaj,*
*de proverboj pri niaj temoj kaj ideoj,*
*ricevos omaĝe ekzempleron de*
**ILUSTRITA PROVERBARO.**

## NIAJ FAMILIAJ AFEROJ

**Bondezirojn al Betty Larsen, kiu festas 96 jarojn!**



Betty Larsen el Danlando, la plej maljuna samideanino en nia Asocio (vidu E/V-n 1996), festas en bona sano kaj vigla aktiveco 96 jarojn, kaj ŝi deziras danki ĉiujn samideanojn, kiuj sendis al ŝi bondezirojn el diversaj landoj. Ŝi ricevis leterojn kaj kartojn ankaŭ el Kanada Junulara Organizo, el Izraelio, el Ĉinio, el Pollando, kiu sendis leteron kun muziko, el Brazilo de Manuel S. Balaguez, kiu havas 91 jarojn, kaj el Italio de P. Giacinto Jacobitti, Ida Tenani kaj Zoraide Carrubba, kiuj ĉiuj tri festis ĉijare 93 jarojn. - Vere - skribas Betty Larsen - Zamenhof estis homama homo, kaj Esperanto estas mondlingvo; per ĝi, homoj povas kompreni unu la alian tutmonde, kaj ili povas labori por paco. Malgraŭ fortoj, kiuj ne volas ke ni uzu nian lingvon, ni daŭrigu nian laboron, kaj ni instruu la Lingvon Internacian sencese en ĉiuj landoj! -

**Landaj Reprezentantoj**

Gratulojn al la Landaj Reprezentatoj kaj al la Membroj, kiuj faris tre bonan laboron. Elena Gulajeva edziniĝis! Ŝi iros kun la edzo al Ukrajno, kaj eble ŝi iĝos Reprezentanto de nia Asocio en tiu lando. Ni tre dankas s-aninon Elena Gulajeva pro la sindona, zorgema kaj diligenta kunlaboro dum ŝi estis Reprezentanto de nia Asocio en Ruslando, kaj ni deziras feliĉon al ŝi kaj al ŝia edzo. Inĝ. Bronislav ĈUPIN (a.k. 4831 - RU - 426061 IĴEVSK), estas la nova Reprezentanto de TEVA en **Ruslando**. S-ano Ĉupin estas inĝeniero-konstruisto; li estas vegetarano, kaj de longa tempo Esperantisto; li estas Membro de

nia Asocio de la jaro 1983. S-ano Ĉupin estas bone konata en Esperantujo, kaj ni estas certaj ke vi ĝojos kunlabori kun li. La nova Reprezentanto en **Hispanio** estas s-ro Martin BUSTIN (Ap.do de Correos 4143 - ES-03080 ALICANTE), al kiu ni deziras sukcesan laboron! S-ro Bustin estas vegatarano kaj tre aktiva samideano; li estas Prezidanto de Hispana Asocio de Laboristoj Esperantistaj (HALE). Profesoro Antoni Pawel TABACKI (PL-40-900 KATOWICE-2-skrytka pocztowa 490) estas la nova Reprezentanto en **Pollando**. Iama Reprezentanto maĝ. inĝ. Antonio Cybulski informas nin ke li deziras resti fidela Membro de nia Asocio, kaj ke li estas tro okupita por taŭge zorgi pri la asocia laboro, kiel li dezirus. Ni kore dankas s-anon Cybulski ĉar malgraŭ malfacilaĵoj li helpis nin dum pluraj jaroj. Prof. Tabacki estas biologo, kaj diplomita Cseh-instruisto; li gvidas seminariojn dum Esperanto-feriadoj, precipe en Miedzygòrze; li estas vegatarano de longa tempo. Ni deziras al s-ano Tabacki fruktoplenan laboron! S-ano Franklin van Zoest ne plu estas Reprezentanto en **Nederlando** kaj s-anino Maya Kennedy ne plu estas Reprezentanto en **Usono**. Al ili ni deziras ĉion bonan.

☆

## Malĝojaj Notoj



Survoje al familia rekuniĝo, sekve de aŭtoakcidento, mortis la 7-an de Decembro 1996 en Dunedin, **Nov-Zelando**, David MacGill. S-ano MacGill naskiĝis en Dunferline, Skotlando en 1915; li iĝis vegetarano je la aĝo de 15. En 1955 li komencis kunlabo-

ri kun nia Asocio kaj en 1956 aperis en la organo de TEVA tre interesa artikolo verkita de li pri "Budhismo kaj Vegetarismo"; de 1971 li estis Reprezentanto en Japanio kaj en Nov-Zelando. Li Esperantistigis kvar generaciojn en sia familio, krom sian famiĝontan filon Stefan, kaj ĉiuj liaj nepoj parolas Esperanton denaske. Li estis eduka oficisto kaj produktis plurajn sonbendajn kursojn kaj programojn en Esperanto. La familianoj funebris lin laŭ la ritoj budhisma kaj maoria. Ni esprimas al la familianoj nian koran kondolencon.



Catina DAZZINI forpasis la 17-an de Februaro 1997 en Massa, Italio je 80-a jaraĝo. Ŝi doktoriĝis pri beletro en Florenco. Ŝi Esperantiĝis en 1953. De tiam ŝi senĉese instruis, kaj ŝi estis ĉiam preta helpi por la disvastigado de nia lingvo, laŭ la spirito kaj ideo de Zamenhof. Ŝi estis Honora Membro de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI). Kun la frato Mario, si aktive zorgis pri la fondo de Nacia Esperanto-Biblioteko, kiu estas ĉe la Ŝtata Arkivo en Massa. Menciinda estas ŝia konstanta kaj grava agado por la Akademio Internacia de la Sciencoj en la Respubliko de San Marino. Catina estis Membro-Simpatianto de nia Asocio kaj ŝi partoprenis ĉiujn niajn Kunvenojn, ankaŭ la lastan en Prago, Ĉeĥio, kaj ĉiufoje ŝi portis al ni inspirajn vortojn. Multon ni ŝuldas al Catina, kaj nia memoro pri ŝi estu ankaŭ stimulo por kulture plibonigi nian agadon kaj konstante antaŭenpuŝi la uzadon de nia lingvo. Familianoj kaj Esperantistoj kaj Reprezentanto de nia Asocio alĉeestis al la funebra saluto.

☆

## Internacia Lingva kaj Kultura Ekspozicio

Novajn kontaktojn kaj kulturajn interŝanĝojn portis al ni *"Espolingua Roma 1996"*, la jara Internacia Lingva kaj Kultura Ekspozicio, kiu okazis en Romo, Italio la pasintan monaton Decembro. Vizitis la budon de Itala Esperanto-Eldonejo *(Co.Ed.Es.)* kaj TEVA precipe instruistoj kaj junuloj. Trafis la atenton de la ĉeestantoj la vidbendoj MAZI kaj "La Fontanoj de Romo" en Esperanto. D-ro Romano Bolognesi brile prelegis pri "La Homo kaj siaj Lingvoj".



# Leterkesto, Korespondi Deziras, Anoncetoj

**Salutojn el Argentino**

al ĉiuj TEVA-anoj sendas el *Bariloche* (pr. Bariloĉe), **Argentino**, gesamideanoj el diversaj landoj, kaj inter ili *Cecilia CALABRIA, Pablo COSTA, Emilse DIAZ, Macella FARREYRA, Chen Bao KUAN, Vannia MORALES, Carlos PALMA, Delia REBAGLIATI, Raquel REGGIANI, Betty RODRIGUEZ, Osvaldo ROCCA, Mariana ROSELLI, Roberto SARTOR, Werner SHAD,* okaze de la Unua Turisma Internacia Semajno, organizata dum la pasinta Decembro de la loka Esperanto-Rondo. La samideanoj informas nin pri la sukceso de la Turisma Semajno, invitas samideanojn kaj simpatiantojn viziti Patagonian Regionon, kies centro estas *Bariloche*, kaj montras ke la Internacia Lingvo estas taŭga ligilo ne nur por kultur-interŝanĝo, sed ankaŭ aktuala kaj efika por turismo kaj komerco en la nuntempa mondo.

**Gastiganta Grupo**

en **Bulgario**, akceptas Esperantistojn, kiuj deziras viziti la landon. Kontraŭ malgranda pago la gastoj povas loĝi kaj manĝi ĉe la gastiganto aŭ, laŭplaĉe, loĝi kaj manĝi en hotelo. La gastigantoj estas je dispono de la gastoj por ĉiĉeroni kaj ekskursgvidi ilin, kiuj ĝuos belegan Bulgarion, kaj vivos en agrabla Esperantista etoso. Antaŭ alveno nepre kontaktu la respondeculon: *Tonĉo VÄLEV - bul. Metodi Kusev 1/A ap 12 - BG - 6000 STARA - ZAGORA, Bulgaria.*

**Korespondi deziras**

pri diversaj temoj:

- Prof-ino *Stelka Petrova - KV "Zapad" bl 3/8, vh B, apt 27 - BG - 4232 ASENOVGRAD, Bulgaria.*

- Junulino 16 jara
  *Miroslava Ilieva Ivanova - bl. 302 vh "V" apt 23 BG - 5500 LOVEĈ, Bulgaria.*
- Fraŭlino 26 jara
  *Petrana Ikonomova - Ilinden 37 - BG - 4230 ASENOVGRAD, Bulgaria.*
- Patrino kaj juna filo
  *Aleksina Tiŝeva - KW "3 Ĉuĉura" bl, 22 -, 1, apt 118 BG - 6010 STARA - ZAGORA, Bulgaria.*
- Esperanto Klubo
  *Rusio, 626440 Nizhnevartovsk - 6 - Siberio, Strato 60 let Oktjabrja 6 - 135*

Deziras korespondi kun fraŭlinoj el Italio:

- Studento ĉe Liceo pri Informatiko 17 jara
  *Constantin Teodor Onu - str. Alexandru Lapusneanu, Bl. C3, Sc. B, Ap. 26 Piatra Neamt, cod. 5600, RO-Romania.*

# *ŜUOJ KAJ RIMENOJ NELEDAJ*





Ĉu vi deziras ŝuojn kaj rimenojn, kiuj estas faritaj ne el haŭto de bestoj? Petu informojn al via loka vegetarana centro, aŭ al:
VEGETARIAN SHOES - 12 Gardner Street GB - BRIGHTON BN1 1UP - U.K.
Tel/Fakso 01273 6913

# KOTIZOJ

Ĉu vi kotizis por la jaro 1997? Se jes, bone! La Membroj, kiuj sendas libervolan mondonacon por la kuranta jaro, ricevas omaĝe poŝan kajereton por telefonnumeroj ofte uzataj, kun informoj pri telefonado kaj landkodoj (laŭ Jarlibro de UEA), kaj kalendareton. Ĉu vi havas interesajn programojn por disvastigi niajn ideojn la venontan jaron? Skribu al ni.

# 1998

| | JANUARO | | | | | FEBRUARO | | | | | MARTO | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| LUNDO | | 5 | 12 | 19 | 26 | | 2 | 9 | 16 | 23 | | 2 | 9 | 16 | 23 | 30 |
| MARDO | | 6 | 13 | 20 | 27 | | 3 | 10 | 17 | 24 | | 3 | 10 | 17 | 24 | 31 |
| MERKREDO | | 7 | 14 | 21 | 28 | | 4 | 11 | 18 | 25 | | 4 | 11 | 18 | 25 | |
| ĴAŬDO | 1 | 8 | 15 | 22 | 29 | | 5 | 12 | 19 | 26 | | 5 | 12 | 19 | 26 | |
| VENDREDO | 2 | 9 | 16 | 23 | 30 | | 6 | 13 | 20 | 27 | | 6 | 13 | 20 | 27 | |
| SABATO | 3 | 10 | 17 | 24 | 31 | | 7 | 14 | 21 | 28 | | 7 | 14 | 21 | 28 | |
| DIMANĈO | 4 | 11 | 18 | 25 | | 1 | 8 | 15 | 22 | | 1 | 8 | 15 | 22 | 29 | |

| | APRILO | | | | | MAJO | | | | | JUNIO | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| LUNDO | | 6 | 13 | 20 | 27 | | 4 | 11 | 18 | 25 | 1 | 8 | 15 | 22 | 29 |
| MARDO | | 7 | 14 | 21 | 28 | | 5 | 12 | 19 | 26 | 2 | 9 | 16 | 23 | 30 |
| MERKREDO | 1 | 8 | 15 | 22 | 29 | | 6 | 13 | 20 | 27 | 3 | 10 | 17 | 24 | |
| ĴAŬDO | 2 | 9 | 16 | 23 | 30 | | 7 | 14 | 21 | 28 | 4 | 11 | 18 | 25 | |
| VENDREDO | 3 | 10 | 17 | 24 | | 1 | 8 | 15 | 22 | 29 | 5 | 12 | 19 | 26 | |
| SABATO | 4 | 11 | 18 | 25 | | 2 | 9 | 16 | 23 | 30 | 6 | 13 | 20 | 27 | |
| DIMANĈO | 5 | 12 | 19 | 26 | | 3 | 10 | 17 | 24 | 31 | 7 | 14 | 21 | 28 | |

| | JULIO | | | | | AŬGUSTO | | | | | | SEPTEMBRO | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| LUNDO | | 6 | 13 | 20 | 27 | | 3 | 10 | 17 | 24 | 31 | | 7 | 14 | 21 | 28 |
| MARDO | | 7 | 14 | 21 | 28 | | 4 | 11 | 18 | 25 | | 1 | 8 | 15 | 22 | 29 |
| MERKREDO | 1 | 8 | 15 | 22 | 29 | | 5 | 12 | 19 | 26 | | 2 | 9 | 16 | 23 | 30 |
| ĴAŬDO | 2 | 9 | 16 | 23 | 30 | | 6 | 13 | 20 | 27 | | 3 | 10 | 17 | 24 | |
| VENDREDO | 3 | 10 | 17 | 24 | 31 | | 7 | 14 | 21 | 28 | | 4 | 11 | 18 | 25 | |
| SABATO | 4 | 11 | 18 | 25 | | 1 | 8 | 15 | 22 | 29 | | 5 | 12 | 19 | 26 | |
| DIMANĈO | 5 | 12 | 19 | 26 | | 2 | 9 | 16 | 23 | 30 | | 6 | 13 | 20 | 27 | |

| | OKTOBRO | | | | | NOVEMBRO | | | | | | DECEMBRO | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| LUNDO | | 5 | 12 | 19 | 26 | | 2 | 9 | 16 | 23 | 30 | | 7 | 14 | 21 | 28 |
| MARDO | | 6 | 13 | 20 | 27 | | 3 | 10 | 17 | 24 | | 1 | 8 | 15 | 22 | 29 |
| MERKREDO | | 7 | 14 | 21 | 28 | | 4 | 11 | 18 | 25 | | 2 | 9 | 16 | 23 | 30 |
| ĴAŬDO | 1 | 8 | 15 | 22 | 29 | | 5 | 12 | 19 | 26 | | 3 | 10 | 17 | 24 | 31 |
| VENDREDO | 2 | 9 | 16 | 23 | 30 | | 6 | 13 | 20 | 27 | | 4 | 11 | 18 | 25 | |
| SABATO | 3 | 10 | 17 | 24 | 31 | | 7 | 14 | 21 | 28 | | 5 | 12 | 19 | 26 | |
| DIMANĈO | 4 | 11 | 18 | 25 | | 1 | 8 | 15 | 22 | 29 | | 6 | 13 | 20 | 27 | |

**NI DANKAS** la jenajn Membrojn, kiuj jam kotizis por la jaro 1997, kaj la Membrojn, kies kotizojn por la jaro 1996 ni ricevis post la apero de nia lasta listo:

**1996**

ANDERSEN Kay, Aŭstralio
ANDERSSON Harald, Svedio
BERNARDI Cosetta, Italio
BUSTIN Benito, Hispanio
CYBULSKI Antonio, Pollando
COOL F. kaj G., Aŭstrio
DE LORENZI Carla, Italio
FLEURY Normand, Kanado
GULAJEVA Elena, Ruslando
GUSTAVOSSON Nils, Svedio
KAUFMANN Samuel, Svislando
KERBEL Aleksander, Izraelio
METEV Hristo, Izraelio
PERSSON Pelle, Svedio
PESTONI Sergio, Italio
STEINBERG Mark, Izraelio
WALKER, Britio
WINGQVIST Arne, Svedio

**1997**

ALLAN Thomas, Britio
ANDERSEN Kay, Aŭstralio
BARELLI Norina, Italio
BUSTIN Martin, Hispanio
CANZANO prof-ino Filomena, Italio
CAUX Daniel, Francio
CYBULSKI inĝ. Antonio, Pollando
ESPERANTO-BIBLIOTEKO, Italio
DAHLIN Richard, Danlando
DAZZINI prof-ino Catina, Italio
DI TOCCO d-rino Vera, Italio
FABBRO Lilliana, Italio
FABRETTO Lilia, Italio
FELBY Bob, Aŭstralio
GAILLARD C.J., Francio
GRADUSSOV Shirley, Aŭstralio
GUTMAĤER Miĥal, Izraelio
HANSEN William, Danlando
HJORTH E. kaj E., Danlando
HORST-KOLINSKA M. kaj G., Nederlando
HOWARD, Britio
INGEY Yannick, Usono
JOHANSEN Else, Danlando
JORGENSEN Sven Friis, Danlando
KERBEL Aleksander, Izraelio
KNUDSEN Lars, Danlando
LANGKILDE Ejnar, Danlando
LARSEN Betty, Danlando
LEVI Jaakov, Izraelio
MARCHI advokato Maria, Italio
MARTELLO Pina, Italio
MAXEY Bill, Usono
METEV Hristo, Izraelio
MOERBEEK N. kaj B., Nederlando
MORTENSGAARD Sv.E., Danlando
MUSTER Eduard, Svislando
NGUYEN DINH Long, Vjetnamo
NORDLÖF Bengt, Svedio
ORLANDINI P.V., Italio
PACO Conejero, Hispanio
PARROTT William, Britio
PAYNE Vera, Aŭstralio
PRESCIUTTINI prof-ino Lia, Italio
REED Elwin, Usono
RICAGNO d-ro Graziano, Italio
ROSSEN Svend Age, Danlando
RUBARCZYK Eugenius, Danlando
SAASTAMOINEN Markku, Finnlando
SCHLEICHER Ib, Danlando
SIEMIATKOWSKI Roman, Pollando
SIMCOCK William, Britio
SLY Arturo, Britio
SLY Sybil, Britio
SOMMI Renzo, Italio
STEINBERG Mark, Izraelio
TABACKI prof. A.P., Pollando
THRANE Hanne, Danlando
TILLEMAN Jehoŝua, Izraelio
TINELLI Laura, Italio
WHITE Will, Usono
ZBIK W.P., Aŭstralio
ZEISS Wijnand, Nederlando

# ASOCIAJ INFORMOJ

Aktualajn asociajn informojn TEVA donas al la Membroj per la Organo, t.e. la LETERO de Esperantista Vegetarano, kiu aperas tiom ofte en la jaro kiam estas novaĵoj, kaj la kajero ESPERANTISTA VEGETARANO, kiu profundigas la asociajn temojn kaj aperas unufoje jare.

La kajeron kaj la LETERO-n la Ĝenerala Sekretariejo sendas rekte al la Membroj.

Ĉiu Membro donas unufoje jare libervolan mondonacon al la Landa Reprezentanto. La Reprezentanto sendas je la fino de la jaro la sumon de la mondonacoj al la Kasisto:

**S-ro William Parrott - 15 Aldborough Court - Douglas Avenue - GB - Exmouth EX8 2HA - United Kingdom**

kun letero al la Ĝenerala Sekretariejo ĉe:

**Lilia Fabretto - Via Pietro Cartoni 12/12 - 00152 Roma, Italia**

Per la ĉisupra letero la Reprezentanto detalas la mondonacojn kun la nomoj kaj la adresoj de la Membroj. En landoj, kie TEVA ne havas Reprezentantojn, la Membroj sendas la mondonacojn rekte al la Kasisto s-ro William Parott per:

- konto "**teva-h**" ĉe UEA - Nieuwe Binnenweg 176 - 3015 BJ Rotterdam, Nederland, aŭ
- internacia poŝtmandato aŭ
- poŝtĝirokonto TEVA n-ro **271418907** aŭ
- en landoj kie estas malfacile sendi monon per la ĉisupraj pagmanieroj, la Membroj sendas al la Kasisto IRK-ojn (Internaciaj Respondkuponoj), maldekstre stampitaj de la vendanta poŝtoficejo.

La sola Kasisto de TEVA estas s-ro William Parrott. Neniu alia estas rajtigita peti kaj enspezi monon por TEVA escepte de la aktualaj Landaj Reprezentantoj, kiuj sendas la monon al la Kasisto je la fino de la jaro.

**La aktualaj nomoj kaj adresoj de la Landaj Reprezentantoj aperas en la lasta numero de la LETERO aŭ de la jara kajero ESPERANTISTA VEGETARANO.**

# ESTRARO DE TEVA

| | | |
|---|---|---|
| PREZIDANTO | : Christopher Fettes, Saint Columba's College, DUBLIN 16 | Ireland |
| VICPREZIDANTO | : William Simcock,Clayton House, BUTTERTON,LEEK,Staffs, ST13 7SR | United Kingdom |
| ĜENERALA SEKRETARIO | : Lilia Fabretto, Via Pietro Cartoni 12/12, 00152 ROMA | Italia |
| KASISTO | : William Parrott, 15 Aldborough Court,Douglas Ave, EXMOUTH EX8 2HA | United Kingdom |
| | Poŝtĝirokonto TEVA: 271418907 | |

HONORAJ PREZIDANTOJ: Lev N.Tolstoj,Rusio; René de Ladevèze,Francio; Natan B.Havkin,Israelo;Ernesto Váňa, Slovakio (SK - 962 71 Dudince, Slovakio)

HONORAJ MEMBROJ : Paul Enz,Svislando; Clara de Hess,Argentino

# LANDAJ REPREZENTANTOJ

| | | |
|---|---|---|
| ALBANIO | : S-ino Rita Permeti,Rruga 4 Deshmoret P.11/B,Shk.5,Ap.20,TIRANE, | Albania |
| ARGENTINO | : Roberto Sartor, c.c. 344, AR-5000 CORDOBA | Argentina |
| AŬSTRALIO | : Bob Felby, 6 Dorset Street, SEMAPHORE PARK | S.A. 5019, Australia |
| BELGIO | : Camiel De Cock, Vorse Beemden 7, 2980 ZOERSEL, | Belgique - België |
| BOLIVIO | : D-ino Wilhelmine Verhaaf,Poŝtfako Casilla 3945, COCHABAMBA, | Bolivia |
| BRAZILO | : Onei Boracini, R Paulo Roberto Rezende,380 - SÃO JOSÉ DO RIO PRETO -SP - 15092-040 | Brasil |
| BRITIO | :William Simcock,Clayton House, BUTTERTON,LEEK,Staffs, ST13 7SR | United Kingdom |
| ĈINIO | : D-ro Liang ji Liu, 20 Yang Ming Lu, Jiangxi Zhongyi Xueyuan,330006 NANCHANG | Cina |
| DANLANDO | : Ejnar Hjorth,Christiansgade 38,2,DK 9000 AALBORG, | Danmark |
| FRANCIO | :Inĝ.Pascal Rouillard, 35 Rue Georges Bizet, 13200 ARLES | France |
| HISPANIO | : Martin Bustin, Ap.do de Correos 4143, ES-03080 ALICANTE , | España |
| HUNGARIO | : D-ino Maria Papp,Kalvaria 96/D,H 6500 BAJA, | Magyar T. |
| IRANO | : S.N. Mozaffari,Poŝtfako Sanduq-E-Posti 5935, 11365 TEHRAN; | Iran |
| IRLANDO | : Christopher Fettes, Saint Columba's College, DUBLIN 16, | Ireland |
| ISRAELO | : Mark Steinberg,Poŝtkesto Tevat-Doar 9137; 31091 HAJFA, | Israel |
| ITALIO | : Lilia Fabretto,Via Pietro Cartoni 12,00152 ROMA, | Italia |
| KANADO | : Normand Fleury,6358 rue de Bordeaux,H2G 2R8 MONTREAL,Québec, | Canada |
| KOLOMBIO | : Prof.Rafael Antonio Mejia,Apartado A 6990, CALI(V), | Colombia |
| KOREO | : Jong-ĝin GIM,Chon-AN,Poŝtfako Saseoham 5,CHON-AN SI 330-600, | Chung-nam Korea |
| KOSTARIKO | : Danilo Oviedo Quesada - Apartado 011 - La Cuesta - CR - 8251 CORREDORES | Costarica |
| KUBO | :Josè Luis Montes de Oca, Calle Josè M.Sanchez 70 - 53000 SANTO DOMINGO- Villa Clara - | Cuba |
| NORVEGIO | : Kjell Peder Hoff, Bjorkenes, N 1970 HEMNES I HOLAND. | Norge |
| PAKISTANO | : S.A.Farani,House n-ro K-18, Machine Mohalla N-ro 3, JHELUM, | Pakistan |
| PERUO | : Inĝ.P.F.Camacho Daza, El Boulevard 131 Monterrico, LIMA 33, | Peru |
| POLLANDO | : Prof. Antoni Pawel Tabacki - PL-40-900 KATOWICE - 2 skrytka pocztowa 490 | Polska |
| PORTUGALIO | : Portugala Esperanto-Asocio, Rua Dr.Joao Couto 6 r/cA, 1500 LISBOA, | Portugal |
| RUMANIO | : Inĝ. Olimpia Zait, Str. Dimbovitei 87, Ap. 23 - RO 3400 CLUJ-NAPOCA | România |
| RUSIO | : Inĝ. Bronislav Ĉupin - d.k. 4831 - RU - 426061 IĴEVSK | Rossija |
| SUD-AFRIKO | : D-ro J.P.Hammes, Poŝtfako Posbus 40225, Arcadia, 0007 PRETORIA | Suid Afrika |
| SVEDIO | :Arne Wingqvist, Centralvägen 8 - SE-18631 VALLENTUNA | Sverige |
| SVISLANDO | :S-ino Elisabeth Eisenegger, Sonnhaldenstrasse 4, CH 8032 ZURICH | Helvetia |
| TAJLANDO | : Pho Thamkhajadpaikun, 42 Ari Samphan 5, Rama 6 rd, Phya Thai,10400 BANGKOK, | Thailand |
| TOGO | : Koffi Gbeglo,Poŝtfako Boite Postale 13 169 Nyékonakpoé TG-LOME, | Togo |
| TUNIZIO | : Abderrazak Tabka,Rue Bizerte 72 bis,4070 M'SAKEN, | Rep. Tunisienne |
| VENEZUELO | : David G.Valecillos, Calle 79 - 3 C-72 MARACAIBO, | 4002 Venezuela |
| VJETNAMO | : Nguyên Dình Long, 50/6/9 Nguyên Dình Chiêu,P.3,Quân Phu Nhuân,THANH PHO HO CHI MINH, | Viêt Nam |
| ZAIRIO | : Mfumu Ndongala Nsimba, Poŝtfako Boite Postale 1323, KINSAASA I, | Zaïre |

Ĝenerala Sekretariejo de:
TUTMONDA ESPERANTISTA VEGETARANA ASOCIO (TEVA), ĉe:
Lilia Fabretto, Via Pietro Cartoni 12/12, 00152 Roma, Italia

